52 Num. ★ Madrido - Oktobro-Novembro - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



LA ĈEKOSLOVAKA INDUSTRIO

Specimenoj de la famekonata bohema vitro-prilaborata en Ĉekoslovakio en pli ol 200 fabrikoj, kiuj okupas ĉirkaŭ 60.000 laboristojn

## GRAVAJ RIMARKOJ

Ankoraŭ nombraj subtenantoj ne pagis siajn kotizaĵojn kvankam oni repetis al ili la pagon, tamen ili ricevis ĉiujn numerojn kaj broŝurojn eldonitajn, kaj ĉion ricevos ili ĝis la fino de la jaro; per ĉi tiu rimarko oni faras al ili la lastan peton.

Por eviti elspezojn kaj perdon de numeroj, oni sciigas, ke la januara numero de ĉi tiu gazeto aperos je la fino de januaro (1922), kaj nur ĝin ricevos tiuj, kiuj sciigos al S-ro J. Mangada Rosenörn, JACA (Huesca), ke ili daŭrigas la subtenadon. Por plej bona ordo estus dece, ke ĉiuj, kiuj ŝatas la gazeton, estus sendontaj siajn kotizaĵojn kiel eble plej rapide.

Ni daŭrigos la eldonadon de libroj: ĵus vi ricevis la lastan verkon de la senmorta Antoni Grabowski, tuj vi ricevos «For la Milito» («Homaro»), Kolekto de Elĉerpitaĵoj tradukitaj de J. Mangada Rosenörn kaj Fernando Redondo, sekvos aliaj.

Ni esperas por venontaj eldonotaĵoj sukceson saman, kian ni atingis ĝis nun. Pri «Ferdinando VI.ª kaj Farinelli» jen la juĝo de «Esperanto Triumfonta» de la 7.ª de aŭgusto: «La aŭtoro de la leginda novelo pritraktas historian okazintaĵon en la 18-a jarcento... La verkinto rakontas al ni la okazintaĵon en tre interesa maniero... La lingvo estas pura kaj bonstila. Mi trovis nur kelkajn nekorektaĵojn aŭ preseraretojn.» G. Ajul.; kaj jen tiu de «Esperanto» (Septembro-Oktobro): «La novelo estas vigle skribita, kun ĉiam novaj okazaĵoj; ĝia stilo flua kaj korekta konvenas al la temo. Entute tiu nova originala verketo en nia lingvo kontentigas ĉiujn postulojn por tia historia romaneto.» Kion ni povas diri pri «Postrikolto» de Grabowski? Ni sentas fieron tial ke, laŭ eblo nia, ni plenumis la deziron de la grandanima poeto ĉiam plorata de ni; ni sentas profundan doloron tial ke li ne ĝuis teni sian libron, vidi ĝin eldonita.

---

## Grava peto al Hispanaj Esperantistoj

Ĵus mi sendis al nia Ministro de publika Instruado longan dokumentitan raporton pri miaj spertoj dum vojaĝo kaj XIII.ª Kongreso, kaj pri ĝenerala progreso de Esperanto en la tuta mondo, kaj je la fino de la raporto mi diras: «Je la 27.ª de Julio de 1917, la Ministro de publika Instruado dekretis Reĝan Ordonon konforma je informo esprimita de la Konsilantaro de publika Instruado, kiel sekvo de peto farita de iuj madridaj samideanoj; sed la informo diras: «Sed ĉi tiu Konsilantaro opinias, ke ŝajnas ne esti oportune ankoraŭ starigi oficiale Esperanton en nia patrujo, dum la rezultatoj atingitaj en aliaj nacioj ne estis pruvantaj diafane por juĝi fundamente pri la sukceso kaj definitiva valoro de la reformo.» Ĉio, kion mi elmontris pri la progreso de Esperanto, sufiĉas, laŭ mia kompreno, por oficialigi Esperanton devige en la lernejoj, Normalaj Lernejoj, Institutoj, k. c. Ĉi tiun instruadon starigos facile, sen elspezoj, la ŝtato, ĉar la hispanaj esperantaj societoj sindoneme sin proponos por instrui la lingvon»... Tial mi petas, ke Grupoj, Societoj, Federacioj kaj izolitaj Esperantistoj, kiel eble plej baldaŭ sin turnu al la Ministro apogan-

te mian raporton, petante oficialigon de Esperanto kaj sin proponante por instrui la lingvon. La afero estas grava; la raporto tre detale prezentas Esperanton triumfanta, kaj pruvas, ke venis jam *la tre oportuna tempo por starigi oficiale la lingvon*. Mi esperas, ke ĉiuj konsciu bone pri la graveco de la afero kaj ke ĉiuj komplezos la peton.

*Julio Mangada Rosenörn*

# Al la XIII.ª Kongreso en Praha

Ha Dektria Internacia glora!
Vi invitis kore la tutan mondon
—Kaj akceptis nin riĉege honora
Eĉ sindone—en tre fratan la rondon.

Gaje loĝis ni je via ĉeesto,
Ĉar gastigis nin vi kun granda ĝojo;
Ja fariĝis kongressemajno festo.
Esperanto firme iras sur vojo!

Ho, Kongresmalfermo! Rava momento!
Esperantist' ja memoros trankvila.
Ĥoro kantis la Esperon kun sento;
Esperanta viv' fariĝos utila.

De laborkunsidoj viaj la belaj,
Je espero kaj je pac' ĉiuj plenaj,
Por Homaro lumoj tute plenhelaj
Brilos, kiel la radioj matenaj,

Kaj traflugos kiel vento rapida,
Eĉ kun novaj fortoj por la laboro
Samideanaro prenos konfida
Kaj dissemos ilin: aperos floro!

Historia Praha bone nin festis;
Nur dankemec' estas nia esprimo.
En Dom-Reprezenta ĵus ni kunestis
Kun plej frata harmonia animo.

Ankaŭ estas ni pri Zofin kontentaj,
Ĝi Esperantujo estis senĉese.
Nur ni aŭdis paroladojn altsentaj;
Tie kara lingvo vivis sukcese.

Jen la flago verda, nia plej kara,
Flirtas tre majeste pro amemvento.
Kaj al la obstina mondo miljara,
Montras ĝi la pacon. Kia la sento!

Ĉiun lokon sendos lumon la brilan
Esperanto, ĝi regados sur Tero,
Ĝi promesas al ni vivon trankvilan
«Sub la sankta signo de la Espero.»

*M. Elezcano*

Bilbao.

# Pri la uzado de la apostrofo en la difinita artikolo

La finiĝoj de la substantivo kaj artikolo, povas esti eligataj kaj anstataŭataj per la apostrofo. La 16.ª regulo de la «Fundamenta Gramatiko» tion diras al ni.

Aliflanke, ni konas la jenajn Zamenhofajn vortojn: «2. La fundamento de nia lingvo devas resti por ĉiam netuŝebla.» —«3. Ĝis la tempo, kiam aŭtoritata centra institucio decidos pligrandigi, neniam ŝanĝi, la ĝisnunan fundamenton, per oficialigo de novaj vortoj aŭ reguloj, ĉio bona, kio ne troviĝas en la «Fuundamento de Esperanto», devas esti rigardata, ne kiel deviga, sed nur kiel rekomendata.» Ankaŭ ni povas legi: «Anstataŭ *la* oni povas *diri* (1) «l'», sed nur post prepozicio kiu finiĝas per vokalo.»

Jen, do; la anstataŭo estas kondiĉa: jam ne estas plene laŭvola.

Perfekte: ni devas resti fidelaj kaj lojalaj al la fundamentaj bazoj de nia helpa inter-

(1) Ĉu *diri* aŭ *skribi*?

nacia lingvo. Ni estas pretaj. Tamen, Esperanto, jam ne estas suĉinfano aŭ blinda teorio: ne; ĝi estas brava, forta, kuraĝa junulo. Ni, do, povas opinii; ĉiuj povas esprimi ideojn; ĉiuj povas montri specialajn vidpunktojn, precipe, se tiuj vidpunktoj ne tuŝas la fundamentajn bazojn.

Ofte ni vidas, ke multaj esperantistoj uzas la apostrofon kaj, per ĝi, anstataŭas la *a* en la artikolo difinita. Tio estas kompreneble, ĉar la 16.ª regulo de la «F. G.», rajtigas al ni fari tion.

Ni atentu! La dirita regulo *rajtigas*: sed, ne devigas! Eĉ, klarigante la aferon, ĝi aldonas: «ke nur post prepozicio kiu finiĝas per vokalo, ni povas forigi la *a* kaj ĝin anstataŭi per la apostrofo.»

Ofte tiu regulo altiris nian atenton. Stranga afero, ni diris al ni, interparolante kun ni mem. Nia helpa lingvo kiu devas esti, tute logika, ĉiam serioza, permesas al ni, ke ni kripligu vorton! Ni konfesas nian surprizon. Efektive; ni nin demandis, demandas, kaj eble demandos: Ĉu la apostrofo beligas la vorton? Ĉu ĝi ŝparas tempon? Ĉu spacon? Ĉu ĝi taŭgas aŭ ne taŭgas? Kaj, preskaŭ ĉiam, post tiu ĉi interesa interparolado, ni respondis, respondas, kaj certe respondos la demandojn. Tute ne: la apostrofo ne beligas la vorton kaj ne ŝparas tempon, nek spacon; nur montras vorton kripligitan al niaj okuloj.

¡Rimarku nun! Niaj pensoj, niaj opinioj rilatas al la uzo kaj uzado de la apostrofo kiam ni verkas (aŭ skribas) proze, ĉar poezie, konsiderante la ĝeneralan kaj specialan konstruadon de la frazoj, liberecon kiun devas ĝui la poeto, ni tre bone komprenas ĝian uzon kaj uzadon; sed proze, ¡tute ne!

Ni insistas. Kial? Ĉar ni ne povas kompreni la ĝustan kialon. Ofte ni vidas, inter du vortoj, la literon, *l'* izolita, dekstre supersignita; eĉ al niaj spiritaj okuloj aspektas malbela: ŝajnas al ni geedzoj disigitaj, la *a*, edzino, vokalo (virina sekso) adultis, kaj pro tio, pro la krimo, kaj ĝin punante, la edzo, *l*, decidis forĵeti la kulpulinon, kaj ŝin anstataŭi por io nedifinita!

Sed, ni demandas denove: Kial disigi la paron? Ĉu estas por honori la prepozicion, kiu staras antaŭe?

Ni observas, ke la plej bonaj aŭtoroj, esperantaj verkistoj, uzas kaj certe daŭrigos uzante la apostrofon, anstataŭante la *a*. Nu! Ni akceptas tion; sed ni kredas, ke ĉefa afero estas agi logike, skribi (pli bone, verki), laŭ neŝanĝeblaj reguloj... do, jen kelkaj ekzemploj:

Ni legas (Kabe: «Vortaro de Esperanto«) (1). —«*Aberacio*... 2. Opt. Disperso *de la* lumo»: = (2) «*Absolvo*; pardono *de l'* pekoj.» Ankaŭ, ni povas legi (D-ro Zamenhof, «Pri la genezo de nia lingvo») «La tuta publika historio *de la* lingvo...» «La simpleco *de la* lingvo.» (3).

Esperanto, ĉiutage antaŭeniras, kaj certe, baldaŭ plene triumfos. La esperanta movado kreskas: novaj revuoj aperas kaj aperos sur la propaganda kampo de nia komuna celo: ni jam trarompis la indiferentecon. Ĉar ni nin turnas al la tutmonda samideanaro, ne estos necesa rememori la lastajn triumfojn atingitajn: ĉiuj ni, ilin konas sufiĉe.

Do, tiuj triumfoj nepre al ni devigas agi kun lerteco. Ni ne devas atendi, ke la novaj samideanoj, sciencaj homoj, inteligentaj verkistoj, famaj filologoj kaj filozofoj, montru al ni ion tuŝebla, ion tute ne logika. Ni devas *balai* la vojon zorge kaj poste aŭ tuj ĝin fortigi.

La 16.ª regulo de la F. G. rajtigas nin ke ni elektu unu el la du formoj. Do, sekve ne tuŝante la fundamentajn bazojn, ni povas flankelasi unu el la du formoj, kaj ĉiam skribi la artikolon difinitan ne forigante la *a*, aŭ pli bone, ne anstataŭante la *a* per la apostrofo. Ni insistas; ni parolas rilate al la prozo, ĉar poezie ni komprenas la uzon de la dirita signo.

---

(1) 1.ª paĝo.

(2) 2.ª paĝo.

(3) Privata letero de Zamenhof al N. Borovto. (Bildo tabuloj por la instruado de Esperanto, laŭ Thora Goldchmit.)

Jen nia opinio, ni ĝin prezentas al la ekzameno de la plej lertaj samideanoj kaj definitiva decido de la L. K. kaj Akademio, aldonante, ke ni estas pretaj por silenti kaj silentigi niajn amikojn, eĉ por kripligi la vorton, disigi la paron, kaj forjeti la *a*, kvankam ni daŭrigos konsiderante la aferon, laŭ la specialaj vidpunktoj montritaj.

*Rómulo S. Rocamora*

De la «Barcelona Esperanta Societo».

# DEFLANKIĜINTOJ

Jen ariĝas en la mondo multaj homoj ne-
[kredantaj,
Kiuj dubas pri potenca forto de la oferemo,
Pri ekzist' de l' idealo, pri anima senmor-
[temo,
Pri influo beatiga de spiritoj kunagantaj.

Ili luktas kun bruado kaj senpensa pa-
[siemo,
La skermistoj hodiaŭaj, nervincite batalan-
[taj—
Sed al tiuj perfortuloj furioze militantaj,
Fremda estas kuraĝ' vera kaj altnobla kor-
[bravemo.

Cel' de tiuj amasegoj estas sensa eksa-
[tiĝo,
Kiun ili postkuradas kun febrega dezirado,
Eĉ se estus ĝin sekvonta la eterna pereiĝo,
Final' inda de frenezaj vivekscesoj kaj ĝua-
[do...

Kiam ja vin elektrizos fulmotondra ekve-
[kiĝo,
Ho vi, blindaj apostoloj de senbrida dibo-
[ĉado!...

*Helena Hempel*

# IX KONGRESO

DE

# Kataluna Esperanta Federacio

En la gloregа urbo Gerona, la kunulino de Zaragozo en la senmorteco, kies deveno laŭ tradicio venas de Maŭritano, sed kiu plej verŝajne devenas de *Fenicioj* aŭ de *Keltoj*, okazis la IX.ª de KEF kun eksterordinara sukceso; granda ardo esperanta, eksplodema entuziasmo, regadis dum la tuta Kongreso de la 15.ª ĝis la 17.ª de oktobro.

La 15.an je ia 2 h 25, postagmeze, por oficiala vagonaro por la multenombra esperantistaro kun la societaj standardoj kaj kun la koroj plenaj je ĝojo kaj kuraĝigitaj de la la Praga sukceso, ni eliris el Barcelono al Kongresurbo. Je la 6.ª proksimume ni alvenis al ĝi kaj en ĝia stacio atendis nin la prezidanto de KEF, urbaj aŭtoritatoj, esperanta Societo Ĝerona Espero, Grupo el Armentera kaj multenombraj gesamideanoj. En la stacio, la Esperantistaro organizis kvazaŭ grandioza manifestacio kaj unuavice marŝis la muzikistaro de la 55.ª Infanteria Regimento ludante belajn marŝojn, kaj la flagoj kaj standardoj esperantaj ondiĝadis supren la kapoj sub la diafana lazuro unuigante la korojn al unu sola «nova sento»; kaj tiel akompanate de granda popolamaso interesita, la manifestacio aliris al Urbdomo, altirante atenton ĉies. En la Urbdomo akceptis la Esperantistaron la Provincestro, la Generalo kun la adjutantoj la Urbestro kaj aliaj aŭtoritatoj. Sekve okazis la malferma kunsido kaj salutis la Kongreson esperantaj delegitoj de Barcelono, Sabadell, Tarrasa, Manresa, Manlleu, Ripollet, S.ª Coloma de Farnés, Torroella de Mongri, Palafrugell, kaj multaj aliaj eĉ el la plej malproksimaj vilaĝoj de Katalunlando. Ankaŭ salutis la Kongreson samideano Udson el Aŭstralio kiu en Praga promesis ĉeesti ĉi tiun Kongreson. Longajn aplaŭdojn meritis legita verssaluto, tre sincera kaj sentema, de nia karega samideano Julio Man-

gada Rosenorn, kiu pro devoj de sia profesio ne povis ĉeesti, tamen li ĉeestis kore kaj anime. Je la 16 h. aperis en la laborkunsido nia karega aragona samideano, vera patro de la aŭstriaj infanoj gastigitaj en Hispanlando, S-ro Emilio Gaston, advokato el Zaragozo, kiun mi salutas te kore per ĉi tiu raporteto. Certe mi estas, ke li neniam estis aŭdinta ovacion tian, kian okazigis la Prezidanto de KEF prezentante lin al la Kongreso. Li salutis je la nomo de aragonaj samideanoj kaj la emocio sentata de tiu grandanima aragonano preskaŭ malpermesis al li fini la saluton. Multenombraj samideanoj, kiuj ne povis ĉeesti, sendis leterojn kaj telegramojn salutantajn. La inaŭguro de la propaganda ekspozicio ĉe la Urbdomo kaj la koncerto de la fama Trio Barcelona ĉe la Ĉefa teatro estis sukcesplenaj.

La dimanĉo, 16.a, je la 8 h, solena diservo kun esperanta religia parolado de pastro F. Viver kaj beno de la flago por la grupo «Studenta Juneco» okazis en la tre antikva romanstila preĝejo S. Petro de Falligans, de la IX jarcento. En ĉi tiu, la kuriozemaj amantoj de la arto ĝuis belartaĵojn nombrajn, ĉar en ĝi eztas eĉ arĥeologian muzeon rimarkindan.

Je la 10 h. okazis laborkunsido en la sidejo de la «Grup Escolar» kaj sekve la amuza festeto sprita de la okulvitruloj, en kiu plena ĝojo triumfis.

Dum du liberaj horoj la Kongresanoj povis ĝui iom la antikvaĵojn de Gerona precipe la admirindan katedralon kiu devenas de tre antikva dato, el bizantina stilo, rekonstruita poste je 1038, kaj fine anstataŭigita de plej granda gotika konstruaĵo laŭ decido prenita je 1308. Je 1415 oni interrompis la laboradon pro iuj malkonsentoj, kaj ĝin finis arĥitekturisto Petro Costa dum 1793. La absido de la katedrado estas belega.

Je la 16 h okazis la ferma kunsido kun plena espero pri plej granda sukceso por la X.a en Manresa.

Poste okazis la Floraj Ludoj en la ĉefa teatro kun granda soleneco; belege aspektis la teatro, kie estis neeble trovi sidejon. S-ro Arturo Domenech Mas el Barcelono gajnis la naturan floron, kaj li elektis F-inon Bartrina reĝino de la festo. Ankaŭ atingis premiojn S-roj Jako Grau el Barcelona, kaj Mariano Sola el Tarrasa; la plimulton el la premioj gajnis fremdaj samideanoj, tial vere la festo estis tute internacia, tre interesa, bela kaj simpatia.

Aliaj festetoj okazis, kiel dancado de *sardanoj* en la ĉefa placo, oficiala festeno en hotelo «Komerco», k. c.

La 17.an, lundo okazis ekskursoj al grekaj ruinoj de la urbo Ampurias kaj al vilaĝo Bañolas.

Bedaŭrinde estis, ke specialaj cirkonstancoj leĝaj, kiujn antaŭe ĝustatempe oni ne povis solvi, malpermesis doni la nomon Zamengof al strato de la Kongresurbo; sed tio okazos.

La Kongreso finiĝis meze la plej granda entuziasmo. Gratulojn al ĉiuj organizintoj.

*Francisko Piñol*

---

# LA BELO

Belo estas la harmonio serĉita penade de la animo; estas la ĝuo revita de la spirito; estas la parfumita esenco, kiu leviĝas de la fundo de la materio, kvazaŭ odorfumo, kiu, nubiĝante, envolvas la homan koron; estas la kiso de la gloro, kiu modelas ame ĉion, kion ĝi kisas; estas la idealo, kiu staras, antaŭ ol ekflugi, sur la aera plumo, sur la veluro de la floroj, en la fundo de la okuloj, ĉe la lipoj de lo virino kaj ĉe la korpo de la virgulino; estas la sereneco de la ĉielo, kiu rigardas la trairantan bonecon; estas la orhava polvaro, kiun levigas la anĝeloj, kiam ili pasas flugante preskaŭ tuŝante la teron.

Fojon, ĝi marŝas malgaje kaj haltas apud la akvo, kaj tiam la akvo ploras sub la foliaro; fojon, ĝi kisas infanon starantan sur

la vojbordo, kaj tiam ŝajnas, ke de la infano alteniras helecon; fojon, ĝi kantas je la takto de liro amajn kantojn al poeto, kaj la poeto mortas kantante tiujn diktitajn kantojn, kaj poste, apud lia tombo kreskas laŭroarbo. Kaj ĉiam la Belo lasas, tra kie ĝi pasas, restaĵojn por la okuloj, kiuj scias ĝui Ĝin.

Ha, Belo! Feliĉuloj, kiuj cin aŭdas kaj vidas; kiuj tremas, kiam cin divenas; kiuj amas cian majestan paŝon; kiuj serĉas cin, por kisi cian hararon; kiuj ploras pro cia foresto; kiuj, ĉiu-hore, revas cin, kaj kiuj preĝas je cia gloro!

Preĝu je ĝi, ha, poetoj! Ĝi forigos dornojn el vojo de via vivo.

*Santiago Rusiñol*

Tradukis *F. R.*

---

# Al Kongreso de Gerona

Mi ĉiam ĉe la Esperanto
kaptite de paca belkanto
salutas tre kore Kongreson
kaj kredu ĉi tiun konfeson:
«Ĉu gutoj, ja, formas la Maron,
la homoj, ni, formos Frataron;
nu, spite de niaj disputoj,
ĉu pravaj, ĉu ne, la diskutoj,
nur estas konkluda la jeso
pri nia Esperant-sukceso.»
Mi sentas ne povi ĉeesti,
ne kun vi, amikoj, kunfesti!
Milito kruela, konstanta,
restigas min hejme, pensanta:
«Antaŭen ni, ĉiuj: la Mondo
fariĝos rapide jam Rondo
de fratoj irantaj al celo
faranta la Teron ĈIELO!

*Julio Mangada Rosenörn*

# LA SOLECO

Nenio estas tiel agrabla kiel la soleco, kiam la spirito ĝin bezonas. Ĝi estas la plej bona trankviligilo kaj la plej granda konsolo; ĝi moderigas la nervaron kaj kvietigas la ekscitadon de la pasioj. Kiam ial ni sentas korpremojn aŭ turmentojn, ĥimerojn aŭ malagrablaĵojn kaj nin ĝenas la ĉeesto de la popolamaso, kiu kapturnigas pro sia enuiga babilado, ne estas pli granda kvieteco ol tiu, kiun ni trovos, serĉante rifuĝejon sur la kamparo, ĉe la senhomaj lokoj, kaj en tiu trankvila kaj pura enaero ni plaĉe ŝatos niajn proprajn pensojn kaj ni repripensos pri faktoj kaj projektoj kiuj bezonas la maturecon per la soleco kaj trankvileco Kredu al ni kara leganto aŭ legantino: se iam vi sentas ĉagrenojn aŭ vi havas gravajn intetelektajn priokupojn, soligu vin; ĝuu la belegecon de la naturo kaj ĝi donos al vi dolĉigilon por viaj ĉagrenoj kaj priokupoj, kaj ili ŝajnos al vi nek tiel transcendaj nek tiel malagrablaj.

Tradukis el hispana lingvo,

*E. L.*

---

# Al Esperantaj gramatikverkistoj

Kvankam mia scio pri gramatikaj aferoj, ne estas granda, tamen mi observas praktike gravan eraron, kiun enhavas la plimulto de esperantaj gramatikoj por hispanlingvanoj.

En preskaŭ ĉiuj esperantaj gramatikoj, oni skribas ke literon «j» oni elparolas kiel «y» kaj tie estas laŭ mia opinio eraro, kiu kaŭzas malfacilaĵojn por la instruado de nia lingvo.

Oni diras pri Esperanto, ke en ĝi, «ĉiu litero nur havas unu sonon, kaj ĉiu sono havas unu literon», kaj tiel oni povas facile kompreni la eraron, tial ke hispana «y» estas dusona litero, laŭ ĝi estas skribita fine

aŭ meze de la vortoj kiel okazas ekz. en vortoj «rey» «ayudar».

Por franclingvanoj, ekzemple, la klarigo diranta ke litero «j» oni elparolas kiel «y» ne estas duda por ili, ĉar por ili litero «y» havas sonon kiel hispana «i», kies sono estu plidaŭrigota.

Nia neforgesebla andaluzia pioniro de Esperanto S-ro Trinidad Soriano, klarigis al mi afable tiun ĉi eraron, kiam mi okaze de mia eklernado de esperanta lingvo demandis al li letere pri tiu afero. Li diris al mi ke malgraŭ tio ke li ĉiam estis kontraŭulo de tiu eraro, gramatikverkisto dediĉis al li eldonon de esperanta gramatiko enhavanta tian klarigon antaŭan pri litero «j», sed kiam li petis al la verkisto, ke tiu eraro estu korektota, en dua eldono aperinta, oni klarigis bone la elparolon de la nomita litero, t. e. kiel «i».

Kelkafoje, mi parolis kun lertaj esperantistoj, kiuj malgraŭ ilia bona kono pri nia lingvo, prononcas «yes», «sin(yo)ro».

Nur mi celas atingi per tiuj-ĉi modestaj linioj, ke estontaj eldonoj, estu korektitaj de verkistoj, faciligante tiamaniere la instruadon de Esperanto.

Ne mallaŭdo al verkistoj, nur amo al nia kara lingvo gvidis min skribante la antaŭajn liniojn.

*Petro Naranjo*

Jerez.

# Francisco Mañéz

Mi volas paroli iomete pri ĉi tiu humila sed *pova* kaj nelacigebla pioniro de Esperanto, D. de UEA en Cheste. Mi diras, ke li estas *pova*, ĉar li posedas firmegan volon por Esperanto kaj ĝia interna ideo: li estas kamparano, terkulturisto, malriĉa je mono sed riĉega je sento, kaj ĉi tiun lastan lian riĉecon tiel ageme, vigle, malavare li disigas, ke li atingis per ĝi gastigi en sia regiono nombrajn aŭstriajn infanojn, Li, preskaŭ izolite, devis labori senĉese penade por tion atingi kaj nun li celas fondi esperantajn rondojn en ĉiuj lokoj proksimaj je sia sidejo, iomete sukcesinte jam en Cheste kaj Pedralva. En Cheste li instruas Nacian Instruiston S-ron Ramón Codoñer—Cheste. Provinco Valencia. Hispanlando —, kiu deziras korespondadi kun fremdaj instruistinoj pri profesiaj temoj. Jen vortoj liaj: «mi devas diri, ke mi antaŭ ĉio estas homamanto kaj ke mi estas Esperantisto ĉar mi kredas, ke Esperanto estas la pej kona ilo por fari bonon al la Homaro, ne pro ĝojo paroli alian lingvon...»

# GRAVA LETERO

Sofio, la 27-an majo, 1921.

S-ro Felikso Díez.

Profesoro ĉe Komerca Universitato.

Bilbao (Hispanio).

Estimata Sinjoro:

Mi kore dankas por via afabla gratulo pri tio, kion mi faris por la lingvo internacia Esperanto. Mi tre ŝatas la genian verkon de Zamenhof.

En ĝia plej proksima kunsido la bulgara parlamento voĉdonos la instruadon de Esperanto en la mezaj lernejoj.

Mi esperas, ke ne estas malproksima la tempo, kiam la homaro, suferante pro nekomprenebleco, posedos en Esperanto ŝatindan internacian komprenilon.

Kun estimplena saluto.

*St. Omartchevsky*
Ministro de popola intstruado
en Bulgarujo

RIMARKO.—Mi gratulis S-ro Omartchevsky tial ke li deklaris deviga la lernadon de Esperanto en Bulgaraj instruistgimnazioj.

*F. D.*

# NACIA HIMNO HISPANA

### POR ESTI KANTATA

## REĜMARŜE




ĤORO

La bona hispano
Ĉielon ami devas
Dion, Landon, Reĝon,
Kaj fidon kun honor';
Esti lojala,
Kuraĝa, honesta,
Inda ido
*De l' Cid' Kampeador'.*

★

STROFOJ

I

Hispano mi estas,
Kaj ĉiam mi gloriĝos
Esti naskiĝinta
En la hispana land';
Tial mi kantas
La glorojn hispanajn,
Nin elravu
Nia Reĝa Marŝ'
*(Ĥoro...)*

II

La fido nin gvidis,
Kaj mondojn ni konkeris,
Ie la Dia nomo,
Kaj per venkanta brak';
Ilin ni montris
La verojn ĉielajn,
Dian gloron
Celis nia glav',
(*Ĥoro...*)

III

Nin ĉiam protektis
La Sankta Virgulino,
Nin kuraĝigante
Sur ĉiu batalkamp';
Ĉiujn invadojn
Per ŝi forpeladis
Ni, restante
Nevenkebla land'
(*Ĥoro...*)

IV

La plej fama reĝo
El ĉiuj niaj reĝoj,
Kaj plej glora, estas,
«La Sankta» Ferdinand';
Regnojn li venkis,
Preĝejojn konstruis,
Leĝojn donis,
Plenaj de Diam'.
(*Ĥoro...*)

V

Nacion ni faris
El multaj regionoj,
Sub la sama Dio,
Kredado, kaj leĝar';
Unu patrujo
Mirigas la mondon,
Unu reĝo,
Unu landstandard',
(*Ĥoro...*)

VI

Per niaj sanktuloj
Plenigis la ĉielojn
Nia heroeco
De la senmorta fam';
Miris l' anĝeloj,
Kantadis la tero,
Gloro, glor'
Al nevenkebla land'.
(*Ĥoro...*)

VII

Herooj po miloj
La teron trakuradis,
Marojn tranaĝadis,
Kaj ĉiam kun kuraĝ';
Niaj kleruloj
La mondon instruis,
Ĉiujn artojn
Venkis nia ras'

VIII

Ni formis naciojn
Donante niajn leĝojn,
Lingvon, kredon, sangon,
Tutplena de kuraĝ';
Ni kristanigis
Sovaĝajn popolojn,
Civilizis
Per la Dia grac'.
(*Ĥoro...*)

IX

Fervore kapklinu,
Dankeme korfrapita
De prapatraj virtoj,
Do, nia Patroland';

Ilin imitu
Ni, filoj fariĝu
Indaj ĉiam
Je glorega fam'.
(*Ĥoro*...)

X

Daŭrigu la glorojn
De niaj antaŭuloj
Ni, celante ĉiam
La bonojn de la pac';
Nin benu Dio,
Kaj nin protektadu,
Vivu l' Reĝo!...
Vivu l' Patroland'!...
(*Ĥoro*...)

*Pastro Mariano Mojado*

---

# LA PATRINECO

I

Ĉu vi rememoras hazarde la jarojn de via infaneco?

Ĉu vi rememoras tiujn trankvilajn horojn, en kiuj la animo libera je domaĝoj kaj la koro je maltrankvilecoj, vi lasis ripozi vian kapon sur virina jupfaldaĵoj?

Ĉu vi rememoras la amon per kiu tiu virino karesis vin, premis viajn infanajn manojn kaj metis senruĝiĝe, siajn lipojn sur via naiva frunto?

Ĉu vi rememoras, kiom da fojoj, ŝi forviŝis, zorgeme, vian ploron kaj ekdormigis vin dolĉe per la milda eĥo de amema batado?

Ho! jes. Vi rememoras tion.

Ni, tiuj kiuj havas la plezuron, vidi ankoraŭ tiun virinon sur la tero, ni alvokas ŝin ameme ĉiuhore. Ŝia nomo estas skribita sur la koro; estas la nomo pli aminda el ĉiuj, kiujn entenas la vortaro.

La sola nomo *patrino* prezentas al ni tiun virinon el kies mamoj ni trinkis la dolĉegan nektaron de la vivo; sur kies jupfaldaĵoj ni lasis ripozi nian kapeton; tiun virinon, kiu karesis nin; kiu premis inter siaj, niajn manetojn; kiu kisis nian frunton; kiu viŝis niajn larmojn; kiu lulis nin, fine, sur siaj brakoj kun la milda eĥo de amema batado.

Milfoje feliĉaj tiuj, kiuj, kiel ni, ankoraŭ povas rigardadi ŝin, per la okuloj de la vizaĝo!

Vi tiuj, kiuj estas perdintaj vian patrinon, ankaŭ povas vidi ŝin, se vi havas koron kaj senton.

Vi povas vidi ŝin, dum la ora sonĝo de via feliĉeco. Se la nokta astro sendas sur la tero sian palan brilon, imagu al vi, ke la pala brilo de la nokta astro estas la amema kaj trankvila rigardado, kiun via patrino direktas al vi de la ĉielo.

Se vi vidas en la ĉiela regiono blankan nubeton, kiu flosas kiel delikata gazo subtenata de du anĝeloj, estas la animo de via patrino, kiu, rigardante vin, ridetas ameme de la ĉielo.

Se je la fino de melankolia vespero, vi sentas en la valo konfuzan eĥon, kiu perdiĝas malproksime, kaj ĝi ne estas la birdkantado nek la fonta murmuro, surgenuiĝu; ĝi estas la preĝado, kiun pro vi altigas via patrino.

Se en milda somera nokto, karesas vian frunton konsola venteto, kiu ne estas la venteto kampara, nek balsamumita elspiraĵo de la floroj, ektremu plezure; ĝi estas kiso de pureco kaj amo, kiun sendos al vi via patrino de la ĉielo.

Kvankam la morto forrabu ŝin, la patrino nenian tute mortas por tiuj, kiuj havas koron kaj senton.

II

Popoloj, kiuj humiligis la virinan indecon, kiuj konsideris ŝin kiel preskaŭ malestiman estaĵon, venu! La racio vokas vin al juĝado.

La estaĵo, kiun vi malestimas, vivigis viajn heroojn kaj viajn scienculojn.

Kiam viaj herooj kaj viaj scienculoj, kiam la Aleksandroj kaj Homeroj, la Cezaroj kaj la Virgilioj travivis la malfeliĉajn tagojn de la infaneco, virino nutradis ilin per la suko de siaj mamoj, virino dormetis ilin per sia ama lulkantado.

Kiam iliaj lipoj komencis elparoli sonojn, virino instruis ilin, elparoli nomojn por ili venerindaj, kaj kredigis al ili vian fidon, kaj al ili diris, ke estas amegindа patrujo, kiun ili gloris poste per la brilo de siaj akiroj aŭ la magia lumo de siaj talentoj.

Sistemaj malbondirantoj de tiu, kiun vi kvalifikas malforta sekso, rememoru, ke vi havis patrinon aŭ ankoraŭ vi ŝin havas!

Tiuj, kiuj je la nomo kaj memoro de patrino ne sentu batadi rave la koron, foriĝu, foriru!

Sed ne iru en la kamparon, ĉar tie la naivaj birdetoj kisas sian patrinon en la nesto; tie la dolĉanima ŝafideto petolas ĝoje kun la ŝafino.

Ne iru en la arbaregon, ĉar tie vi povas vidi panterinon lekanta ĝiajn idetojn kaj leoninon karesanta la leonidojn.

Kaj ne estas dece, ke la leonino kaj la sovaĝa panterino, kaj la birdo kaj la ŝafino instruu la homon pri senŝanĝajn naturajn leĝojn, la homon, kiu estas reĝo de la naturo kaj la unua estaĵo en la granda panoramo de la kreitaĵaro.

Forkuru tie kie la suno ne lumas, tie vi trovos virgan spacon, neniam fenditan de viva spirado; ĉar kie ajn alvenas la sunradioj, kaj ekzistas organika kaj sentema estaĵo, tie regas majeste la patrineco.

III

Oni rakontas, ke al fama pentristo oni mendis pentraĵon, per kiu li devis montri samtempe la amon kaj la purecon. kaj la artisto translokis figuron de virino portanta sur ŝiaj brakoj la filon el ŝiaj internaĵoj.

Tiu pentristo estas saĝulo. La brakoj de nia patrino estas la trono de amo kaj pureco, kie dum la tagiĝo de la homa vivo brilas ĝia majesteco, kiel reĝo de la kreitaĵaro.

Dum tiuj unuaj vivaj tagoj, la patrino estas por ni, kiel dua Providenco.

Dun la infanecaj tagoj, la patrino estas nia unua instruistino; ŝi instruas al ni ĉiutage altigi la manojn al la ĉielo kaj beni la favoran Dion.

Per ŝi, ni lernas kunigi la proprajn parolojn el niaj unuaj preĝoj; el tiuj unuaj himnoj, kiujn la animo altigas al la anĝela Reĝino.

Dum la plenkreska aĝo, ŝi montras al ni la virtan vojeton, avizas al ni la profundegaĵojn, kaj eble viŝas la unuan fajran larmon, kiun elmontrigas, sur niaj okuloj, amo, kiu ne estas ŝia.

Ho! la patrina amo ne elŝiras fajrajn larmojn; ĝi fluigas mildan ploradon, kiu malvarmetigas la animon; kiel roso, la teron; kiel venteto, la florojn.

Dum la junecaj jaroj, ŝi konsolas niajn ĉagrenojn, pardonas niajn erarojn, kaj estas amikino, kiu neniam trompas nin, la senŝanĝa kaj fidela amantino, kiu amas nin sen profito ne antaŭvido, sen trompo nek ĵaluzoj.

Ŝi estas sola virino, kiu ne hontas nek hontigas nin, pro kiso sur nia frunto kaj brakpremo ĉe sia brusto.

Ŝi estas tiu, kiu partigas kun ni la malfeliĉojn kaj la malbonojn; tiu, kiu gardas nian sonĝon; tiu, kiu kalkulas laŭ sekundoj la horojn de niaj suferoj; tiu, kiu fermas niajn palpebrojn la lastan momenton; la sola estaĵo, fine, krom nia patro, kiu ne akceptas konsolojn pro nia morto, ĉar subakviĝas ŝia animo en la senlima maro de doloro.

Se estas nedubeble, ke la gepatroj postenas la Diecon sur la tero, deklaru absurda kaj neelpensebla la ateismon,

Ne povas ekzisti racia estaĵo, kiu neu sian patrinon; se ĝi ekzistus, oni devus konsideri ĝin kiel esceptaĵon. Ĉi tiujn esceptaĵojn, oni nomas alie monstroj. Ilia nombro estas feliĉe malgranda.

Se ni konsultus la homan historion, ni trovus milojn da paĝoj inter du Neron'oj.

Je ĉia monstro, tio estas, je ĉia homo, ĉe kies brusto ne nestiĝas la patrina amo, est-

as sennombraj generacioj, kiu fideljuras la sanktan leĝon skulptitan de la diamano ĉe la homaj koroj kaj en la senmorta kodo de la Sinaí.

En tiu duobla pozitiva kaj natura leĝo estas skribita la patrina amo.

La patrina amo estas la plej ĉasta kaj superbelega el ĉiuj niaj amoj.

*Severo Catalina*

Esperantigis: *José Artigas.*

# ANTAŬSENTO

Ventego terura minace forblovas
kaj branĉojn de l' arboj fortege ĝi skuas.
Nu, tial, tro ĝi foliaron dismovas;
timige folioj kun vento fortbruas,
kaj legi atente nun mi jam ne povas;
ne plu de l' legado la ĝojon mi ĝuas!
Ventego la pensojn, ideojn, forŝovas!
Mi tremas... Pro kio? Ĉu kia kialo?...
Mi sentas, ke io min forte detenas...
Mi staras... Bruego trairas tra l' valo,
kaj ĝi min korpremas, ĝi, kiam alvenas,
ve! kvazaŭ kriego de Terur' fatalo!

..................................

Al hejmo nekontraŭstareble min trenas
doloro intensa pro kora defalo!

..................................

Ve, jen la kialo!: decidis Destino,
de Maynar Davido, venanta la Fino!

*J. M. R.*

Jaca.



## Internacia Movado por Forigi Militon "Subtenas Esperanton"

La Anti-Militarista kaj Anti-Kapitalista organizaĵo fondita antaŭ ne longe en Anglujo, kaj nomita «Internacia Movado por forigi Militon» jam publikigis eldonon en Esperanto, kiun ni presigas sube pri ŝia «Deklaracio Kontraŭmilita».

Esperantistoj rekonos la propagandan valoron de tiu ĉi decido kaj, tiuj, kiuj simpatias kun la celoj de la Movado, sendube subskribos la «Deklaracio» kaj altiros la atenton de siaj geamikoj al ŝi.

INTERNACIA MOVADO POR FORIGI MILITON

*Deklaracio Kontraŭmilita*

Kredante, ke ĉia milito estas malprava, kaj ke la armado de la popoloj, ĉu mare, tere, aŭ aere, estas perfido kontraŭ la spirita unueco kaj la inteligento de la homaro, mi deklaras, ke estas mia intenco neniam patopreni en milito, ataka aŭ defenda, internacia aŭ civila, ĉu portante armilojn, fabrikante aŭ tuŝante municion, memvole kotizante al milita prunto, aŭ uzante mian laboron kun la celo liberigi aliajn por milita servo. Plue, mi deklaras mian intencon klopodi por la forigo de ĉiu kaŭzo de milito, kaj labori por la fondo de nova socia ordo bazita sur kunlaborado por la komuna bono.

*Adreso:* F-ino Beatrice C. M. Brown, Sekretario, No More War International Movement, 23, Bride Lane, London, E. C. 4.

## Granda franca revuo propagandas Esperanton

De kelka tempo, unu el niaj kolegoj de la pariza gazetaro «Les Echos» la granda franca komerca Revuo, 2 kaj 4 Rue Martel, PARIS, inteligentege propagandas Esperanton.

Tiu gazeto forlasas neniun okazon favoran helpi la disvastigadon de Esperanto, kiel internacian komercan lingvon.

Ekzemple en sia numero de la 14.ª de de Septembro pasita «Les Echos», laŭ la propono de Sinjoro Rollet de l' Isle, Oficiro de la Honora Legio, Prezidanto de la pariza Esperantista Grupo, oferis al siaj abonantoj, traduki de nun senpage Esperanten iliajn leterojn kaj dokumentojn france redaktitajn kaj reciproke traduki francen la esperante redaktitajn leterojn, kiujn ili ricevus. Dank' al la helpo de «Les Echos» la francaj komercaj firmoj povos facile kunlabori je la vulgarigado de tiu komerca lingvo. Por atingi tiun celon, nia kolego konsilas al ili konigi al iliaj alilandaj korespondantoj, ke ili estas pretaj uzi Esperanton, per la frazo «Oni korespondas per Esperanto» skribita en la titoloj de iliaj leteroj, sur iliaj dokumentoj, reklamoj, ktp.

La alidandaj komercistoj, kiuj deziras uzi Esperanton, povos tiam tion fari, havante certecon esti komprenataj de iliaj francaj korespondantoj, kiuj respondos al ili per la sama lingvo.

Aliparte ni sciigas ke «Les Echos» decidis organizi, por siaj abonantoj, kurson de Esperanto. Se iuj niaj legantoj deziras ricevi specimenan numeron de «Les Echos» ili povas tion peti, per afrankita letero adresita 2 kaj 4 Rue Martel, PARIS, aldonante, por ricevo, unu frankon laŭ la valuto.

LES ECHOS

# TRA LA MONDO

**La perloj perdos sian altan valoron.** — La Japanoj posedas gravan industrion, kiu kaŭzos revolucion en la mondo de la lukso. Ili atingas el la ostroj perlojn, kiujn la teknikaj kaj kompetentegaj valoristoj de la doganoj juĝas tute samaj, kiaj naturaj perloj. La Japanoj deprenis de la Naturo sekreton pri formado de la perlo, ili enigas en la ostrojn peceton el perlakonko, per kiu la hepato de la ostro ekscitiĝas kaj devigas la moluskon produkti perlon.



**Edison kaj la Spiritoj.** — La fama usona elpensisto diris antaŭ malmulte da tempo al la direktoro de la «Scientific American»: «Mi ne kredas priekzisto de spiritoj individuaj, apartigitaj; sed se la spiritoj ekzistus tiel, bona okazo prezentiĝas por ke ili sin montru pli bone ol per klino de tabloj, per batoj, per movoj de mebloj, per mediumoj kaj per aliaj vulgaraj manieroj hodiaŭ kutimaj. Elŝerĉado pri la spirito devas sin fundamenti sur sciencaj bazoj.

»Mi ĵus elpensis la plej delikatan el miaj elpensaĵoj, tiel delikata ĝi estas, ke se efektive ekzistas mondo de la spiritoj individuaj, kiu ajn ago ilia por interrilato kun ni estos ricevata kaj ampleksigata grande por produkti deziratan efekton, same kiel forto de homo sur ŝtalstangeton movas en fabriko turbinon fortan je 50.000 ĉevaloj. Kiam mi havos tutplene perfektigitan aparaton, mi faros tujan provon pri ekzisto de la spirito, ĉar persono kunlaborinta kun mi por elpensi la aparaton ĵus mortis, kaj se lia spirito ekzistus, li profitus la okazon, tial ke li konas la aparaton. Por mi la vivo, kiel materiaĵo, estas nedetruebla, ĉar mi opinias, ke la homo konsistas el milionoj da malgrandetaj eroj, kiuj ankaŭ havas propran vivon. Vere, mi scias malmulte pri ĉi tiu afero, kaj mi esperas, ke se mia kunlaborinto postvivus la aparato estos profitdona al li.»



**La Antaŭulo de l' «Kubismo».** — La antaŭulo estis la fama artisto Leonardo de Vinci. Oni scias, ke la fama italo estis pentristo, skulptisto, juvelisto, sciencisto, elpensisto, k. t. p. Li jam elpensis flugmaŝinon kaj militĉaron kaj pri ĉiaj konoj li estis ema, tial li lasis multenombrajn manuskriptojn.

En unu el ĉi tiuj oni legas: «Mi devas rimarkigi novan studsistemon, kiu, kvankam al iuj ŝajnos negrava kaj eĉ ridinda, havas grandan utilon por konduki la spiriton al variaj elpensaĵoj. Kian oni rigardadas muron en kiu fendoj kaj fendetoj estas multenombraj, kaj kies ŝtonoj pli-malpli grandaj aperas apudmetitaj, se vi havas neceson aranĝi ian scenon, vi vidos per tiuj fendoj, fendetoj kaj ŝtonoj bildon de pejzaĝoj kun arboj, montoj, valoj, k. c., k. c., ĉion necesan por via sceno. Kaj ĉio aperas sur la muro same, kiel sono de sonorilo aŭdigas al vi la nomon aŭ frazon kiun vi imagas.»



**Renaskiĝo de la Antikva Grekujo.**—De Novembro de 1919, la Franca Lernejo de Atenas, entreprenis esplorado por elkaŝi kiel eble plej multe pri la antikva Grekujo, kaj ĝis nun oni povis en *Micenas* datumi ĉefajn monumentojn, kaj en la regiono de *Argos* elkovri la nekropolon de *Skala* kun ok tomboj primitivaj; en la akropolo de *Tasos* oni trovis dekreton de la jaro 411, kiu estas unu el plej interesaj dokumentoj de la historio de *Macedonia*. En la *Agora*, kiu estas de la II.ª jarcento antaŭ Kristo, oni determinis precize la stilon de la portikoj de la murzono per iliaj bazoj kaj partoj de la kolonaro. Ĉirkaŭ la *Agora* oni elkovris kelkajn templojn de la kvara kaj sesa jarcento; oni trovis kelkajn kapojn de statuojn kaj oni eksplodadis la Teatron, kies formo estas speciala.

En *Filipos*, kolonio de *Tasos*, oni eltrovis templon, kiu estis dediĉata al egiptaj dioj; oni studis kvardekok primitivajn reliefojn, kvin dediĉ-skribaĵojn kaj antaŭhistoriajn terpotojn.

En *Delfos*, oni rekonstruis plene la *Tropeon de la Persoj* kaj grandparte la altaron de *Chios*.

En *Marmaria*, oni trovis la lokon sur kiu staris la urbo, kaj en la regiono de la temploj oni trovis arĥaikan trezoron, kiu konsistas el objektoj oferitaj de la virinoj.

En *Delos*, oni elkaŝis templon kiu entenas, inter aliaj altvaloraj arĥeologiaĵoj, altaron de la kvina jarcento antaŭ Kristo.

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid